3ª jaro - Nº 4 (23) (Publication mensuelle) Aprilo 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**La Pirato ne estas necesa.**

**Sed ĝi tamen ekzistas.**

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Bele estas, inter homoj esti homo!

Ankoraŭ ne estas tro malfrue por paroli pri tiu grandioza spektaklo, kies atestantoj ni estis antaŭ kelkaj tagoj.

Dank' al saĝa iniciato de nia gazeta kolego Uŝe-Eĥo, kiu intertempe sukcesis altrudi sanajn unuiĝprincipojn al homaro fine komprenema, kreiĝis simbole la bela Ĉeno Frateca.

Tiun tagon ĉiuj lernejinfanoj en ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj viciĝis sur la ĉefvojoj kondukantaj al la landlimoj. Unu apud la alia, sin tenante manon en mano, ili formis tiamaniere longegan ĉenon, vivantan ĉenon, kiu seninterrompe trairis ĉiujn landojn. Kaj kiam — tre precize je tagmezo (laŭ mezeŭropa tempo) — triumfe eksonoradis tra ĉiuj landoj ĉiuj sonoriloj de ĉiuj preĝejoj kun la ĉiopotenca vibro de liberiga dankohimno, tiam ekaŭdiĝis unuvoĉe el milionoj kaj milionoj da infanaj koroj la solena ĵurpromeso:

> Ni estas fratoj kaj volas vivi
> ame kaj pace, kiel fratoj!

Kaj kiam tuj poste ĉiuj Eŭropaj popoloj, viroj kaj virinoj, junuloj, junulinoj, ekkantis kvazaŭ eĥe al la tutkontinenta parolĥoro de l' infanoj la noblajn strofojn, kiujn antaŭ multaj jaroj verkis el entuziasma revo modesta junulo, kiam per flugiloj de facila vento flugis de loko al loko nia himno, *La Espero,* niaj brustoj plivastiĝis, pli rapide batis niaj koroj, liberigitaj por ĉiam de abomena sonĝo ni estis fieraj, ke ni naskiĝis kiel homoj.

La sukceso de tiu ĉi unika spektaklo, de tiu grandioza simbola gesto estas tiel granda, ke la organizantoj planas jam nun apliki, proksiman jaron, samepoke, la belan ceremonion ne nur al Eŭropo sed al la tuta mondo.

Ankaŭ ni sincerege deziras, ke sukcesu plene la nobla entrepreno, kies alta idealo ĉiam estos: Unuigi la homaron. Kiom ajn longe homoj vivos sur la tero, ili memoros tiun ĉi gloran daton de l' monda historio, kiam unuafoje la homoj, ĝis tiam disigitaj pro stulta senkompreno, kuraĝis konscii, ke ili estas ĉiuj senescepte filoj de l' sama granda familio. Tiun faman daton ili lernos parkere jam de l' plej frua aĝo:

En la jaro 1935-a, — la 1-an de Aprilo!

A. B. C. Awful.




# Vi estas strute prava!

La oficiala organo de UEA publikigis artikolon, kies klara titolo lasas neniun dubon pri la perfideco de l' enhavo : « La germana vidpunkto pri la rasproblemo. » — Skandale estas, ke post tio la tero ne tremis, katastrofe estas, ke post tio la ĉielo ne falis sur niajn kapojn, sed — dank' al Dio — venĝe bolis pro sankta indigno nobla kolero de unu Varsovia Esperanto-Societo. Unuanime niaj konsciaj varsoviaj amikoj kondamnas la hontindan faron ; unuanime ili konstatas, ke tio estas makulo neniam-neniam forigebla ; unuanime ili ĵuris eksiĝi el UEA, en kies oficiala gazeto nuntempaj germanoj povis paroli iom tro objektive pri la vidpunkto de sia gvidantaro.

Per ĉiuj disponeblaj piedoj ni aplaŭde aklamas la kuraĝan geston de niaj toleremaj varsoviaj amikoj. For el UEA — konforme al la Deklaracio de Bulonjo — ĉiuj samideanoj, kiuj ne pensas kiel ni ! Se ne, ni eksiĝos amase el UEA, ĉar ni ne permesos, ke oni klarigu al ni neortodoksan vidpunkton. Pro la sama kaŭzo ni ĵus disrompis senkompate nian malnovan radioaparaton, ĉar ĝi alportis en nian hejmon voĉojn el Germanujo. Solene kaj nemiskompreneble ni nun avertas la germanajn Esperantistojn : Se ili plue aŭdacos ankoraŭ uzi nian karan lingvon, ni estos pretaj, solidare kun la Varsoviaj protestantoj, forlasi Esperanton. Ni ŝtopos vakson en niajn orelojn kaj ni kreos por nia persona uzo sekretan lingvon, kies gramatikon kaj vortaron ni ĵaluze gardos en lada skatolo hermetike fermita.

La deĵoranta Pirato.

# Antaŭ la Kongreso

Ju pli rapidkrure alproksimiĝas la fatala kongresdato, des pli fervore ni ekzercadas en nia Pirat-kaverno la kongresad-arton, por ke ankaŭ ni povu inde kongresumi, karavani kaj krozadi. Jam ni faris tre grandajn progresojn, precipe koncerne la konvenan gustumadon de italaj vinoj kaj la adaptiĝon al la itala kuirado. — Plej malfacila estas la parto « Unu nokto en la dezerto ». Ĉe tiu ĉi nura penso ni sentas nin tiom soifaj, ke la kelnero ne posedas sufiĉe da brakoj por estingi niajn fajrojn.

Pli ĝojigaj estas la brilaj rezultatoj atingitaj dum rajdado sur kamelo. Nia granda Solsona — pro naturaj talentoj — perfekte kaj laŭ ĉiuj vidpunktoj imitas kamelon; sed la rajdantoj, skuataj de l'ambla marŝtakto, ankoraŭ ne estas perfektaj beduenoj; ankoraŭ ili ne povas estri intestajn ribelagojn. Tamen ni ne malesperas.

Por kuraĝigi nin reciproke dum tiuj longaj antaŭkongresaj preparoj, ni pie blekas kune la sekvantan kanton, kiun ni varmege rekomendas al ĉiuj gesamideanoj.



# Kun la Karavan' *)

Metu en valizon
La kongresĉemizon,
Ŝtrumpojn (almenaŭ du,
Se eble eĉ sen tru' !)
Kaj ĉar vi ne ŝatus,
Se l' stomak' malsatus,
Prenu por la vojaĝ'
Funteton da fromaĝ' !

---

*) Laŭ la muziko de « *Avec les Pompiers* », kies notojn ni havigos al kantemuloj kontraŭ 2 respondkuponoj.

Nun por la vetur' al Rom'
Ĉiuj al la stacidom'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !
Sidu meze de l' amas'
Ie en la tria klas'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !
Nin ravos la vojaĝ'
Sub la tunelpejzaĝ'
Kaj dum kongresvetur'
Ni bone dormos sur la krur',
Eble eĉ sur mola sin'
De gastama najbarin'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !

Bruaj kantoj, ŝercoj,
Amindumekzercoj
Faros, ke sen enu'
Ni jam ne dormos plu ;
Kune kun l' aliaj
Membroj familiaj
Ni vigle trinkos el
La karavanbotel' !

Fine ni kun pacienc'
Jam alvenos en Firenc'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !
Jen ni saltos el vagon',
Kolektiĝos sur peron'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !

Dum la karavanestr'
Elfalis tra l' fenestr',
Perdiĝis la valiz',
Sed post rapida improviz'
Li retrovas ĝin, — ĉu ne ? —
En tualetej-kupe'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan'

Ĉiam kuri, kuri
Kaj veturi-turi,
Tio ja estas sport'
Kaj enviinda sort' !
Vigle de l' stacio
Al restoracio,
Kaj de l' restoraci'
Rapide al staci',

Ĉar post unu kvaronhor'
Ĉiuj reveturos for
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !
Grimpos sub la cindropluv'
Ĝis la pinto de l' Vezuv'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !
Kantetos mandolin'
Kaj ĉarma italin'
Akceptos kun fervor'
Proponojn de petola kor',
Kaj vi kuros, unu, du,
Al sekreta rendevu'
Kune kun ka-ka-
Kune kun ka-ka-
Kun la karavan' !

RRRRRRRR.

# Kiel fulmo el blua ĉielo

Okazis dum marto la ĝenerala kunveno de la Pariza Grupo. Post la raporto de l' Prezidanto, kiun la tuta ĉeestantaro unuanime aprobis, nia bona amiko Petit, kiu tute hazarde troviĝis en la ĉambro kaj kiu, samtempe, neniam estis membro de la grupo, deziris diri kelkajn afablajn vortojn. Kaj li diris: « Gesinjoroj, vi dormas. Via ĝisnuna agado estis senefika. Ankoraŭ oni renkontas en via urbo multajn personojn, kiuj neniam lernis Esperanton. Vidu la sukcesojn en provincaj urboj! Ne forgesu, ke tie oni akre kritikas vian malagadon. Elektu en vian estraron junajn elementojn. kiuj havos novajn ideojn, talenton, tempon kaj monon. Tiam via grupo prosperos. »

Konsekvence la ĝisnuna estraro de l' Pariza Grupo eksiĝis.

Refoje ili kunvenis ĉirkaŭ la granda tablaro, la geavoj, onkloj, onklinoj, kuzoj kaj subkuzoj, la tuta boparencaro kaj la nepoj de l' nevoj. Ĉu tio ne estas bela familio? Ĉiuj, honestaj kamparanoj, laboremaj kaj ŝparemaj. Laŭ malnova tradicio ili kunvenas unu fojon ĉiujare por diskuti, post bonega manĝo, pri siaj komunaj interesoj. Kaj vidu, kiel iliaj okuloj brilas, kiam la servistinoj alportas, en fumantaj kaldronoj, la grasan bovo-buljonon! Kaj alvenas jen juna viro; ĉu malfruiĝanta familiano? — Ne, — estas sinjoro Pitet, amika farmisto el najbara vilaĝo. Vidante la multnombran ĉeestantaron, la festene kovritan tablaron, li hezitas, iom ĝenite knedas sian ĉapon inter la fingroj kaj balbutas:

« Bontagon, gesinjoroj kaj ĉiuj, mi eble alvenas maloportune, mi ne volus ĝeni... »

« Tute ne! » lin kuraĝigas onklo Gustavo, « vi ne estas troa. Sidiĝu kaj manĝu kun ni. »

Sinjoro Pitet danke akceptas kaj ĝentile petas pardonon, ĉar intertempe li renversis plenan supujon. Ne estas grave; la dimanĉa robo de onklino Kunegunda jam antaŭ tio ne plu estis tute freŝa.

Kaj oni manĝis. Plenbuŝe kun bona apetito. Ĉe la

deserto, inter la kafo kaj brando, onklo Gustavo leviĝas kun papero en la manoj. Li faros sian raporton.

Onklo Gustavo ne plu estas juna. Li ne aspektas tre fortika, sed li scias kalkuli kaj havas bonajn rilatojn kun la pastro kaj la instruisto. Plue, li estas la sola, kiu eĉ dumsemajne portas amelitan kolumon. Tio imponas al la brut- kaj grenkomercistoj. Tial oni nomis lin siatempe administranto de l' familia bieno. Lin asistas en la gravaj decidoj kelkaj multespertaj parencoj. — Nun onklo Gustavo parolas : « Miaj karaj, ankaŭ dum la pasinta jaro ni atingis kontentigan rezultaton. Estas vere, ke ni ne povis plialtigi la nombron de l' brutaro, sed, kiel lastjare, ankaŭ nun nia familio konsistas el 250 gebovoj, 168 porkoj kaj 435 ŝafoj. Tio estas tre bona, precipe, se vi bonvolas ne forgesi, ke tiu danĝera epidemio, kiun ili nomas krizo, ankaŭ en niaj staloj postulis kelkajn viktimojn. La grenrikolto, pro malfavora vetero, ne respondis al niaj esperoj, sed ni ne malgajnis. Entute, se ni ne progresis, ni ankaŭ ne malprogresis. »

Longe ĉiuj familianoj entuziasme aplaŭdis ; pro ĝojo aveto Batisten frapis la grasan krurparton de baptopatrino Radota kaj onklo Rusel trinkis el la brandobotelo. Kiam fine aŭdiĝis iom da silento, onklo Gustavo demandis : « Ĉu iu havas ion por diri ? »

Tiam leviĝis sinjoro Pitet : « Gesinjoroj, mi ja rajtas ĉi tie nenion diri, ĉar mi ne apartenas al via familio kaj venis nur kiel amiko, sed kun via permeso mi diros al vi, kion oni pensas pri vi en najbaraj vilaĝoj. Jen : oni diras, ke via onklo Gustavo estas azeno, ke liaj konsilantoj estas sensangaj birdtimigiloj kaj ke ili kune administras vian havaĵon kiel profesiaj fuŝistoj. Vi posedas sufiĉe da herbejoj por paŝti ne nur 250 sed 2.500 gebovojn ! » — Sinjoro Pitet ekscite gestadis, grimpis sur la tablon kaj daŭrigis : « Via grenrikolto estis mizera, jes, pro la hajlo, sed en najbaraj vilaĝoj tiu hajl-uragano estis la plej profitiga afero de l' jaro, dank' al saĝa asekurado. Gesinjoroj, vi bezonas junajn, viglajn administrantojn,

ne dormĉapulojn, ne pantoflulojn. Zorgu pri tio kaj en la najbaraj vilaĝoj oni baldaŭ admiros vin! »

Nur nun sinjoro Pitet konstatis, ke li metis la piedojn en duonplenan kompotujon.

Konsternite la familianoj rigardis unu la alian. Fine onklo Gustavo diris : « Ni tutkore dankas nian amikon Pitet pro liaj tiel afablaj vortoj. Ni plezurege demetas niajn funkciojn kaj tre volonte cedas la lokon al pli junaj fortoj. Kiu volas esti administranto? »

Sekvis longa, peza silento. Neniu moviĝis.

Tiam aŭdiĝis energia voĉo. Estis la dujara fileto de kuzino Amiena, kiu celkonscie sciigis : « Pi-pi! pi-pi! »

Sed ĉiuj komprenis « Mi-mi! » kaj la ministeria krizo estis solvita.

Nur nun sinjoro Pitet rimarkis, ke li renversis la ĝisnunan estraron.

JULES LARIBOIS.

## Laŭ konata precedenco

**Berlino.** — *La Registaro abdikis post vizito de S-ro Poncet!* (Laŭ telefona komunikaĵo de nia speciala sendito).

Hodiaŭ matene posttagmeze S-ro Poncet, franca ambasadoro, prezentiĝis antaŭ la kunvenintaj germanaj ministroj kaj, kun la kutimaj diplomataj ĝentilecformuloj, sciigis al la eminentaj registaranoj, kion oni pensas en Francujo pri ilia agado. Unuanime la ministroj tiam konkludis, ke la francoj ne plene aprobas ilian politikon kaj, logike kaj konsekvence, decidis abdiki. Ili lasas la lokon al aliaj, kiuj eble estos pli sukcesaj.

---

**Londono.** — La ĉevalo Mascutt rifuzis partopreni la faman Derby-vetkuron, ĉar juna stalknabo el Manchester ridis pri ĝiaj longaj vostharoj. La decido de la ĉevalo ŝajnas definitiva.

---

**Parizo.** — Jam de kelkaj semajnoj la familia vivo ĉe gesinjoroj Poupuce estis malserena. Post serioza disputo, kiun partoprenis ankaŭ S-ro Jules Laribois, la eleganta amatoro de sinjorino Poupuce, S-ro Poupuce forlasis la domon. La najbaroj esperas, ke nun ĉio estos en ordo.

ALE BEN TARIP.




LITERATURA MONDO (Febr.-marto). — «... ni vidas someron, inter zorgaj siaj manoj elkovi por ni plej fervoran fajron.»

*Ni pensas, ke ne estas oportune elkovi inter siaj manoj. La birdoj, kiuj estas eminentaj specialistoj de l' kov-arto, ne havas manojn kaj uzas, por kovi, alian korpoparton.*

ESPERANTO (Marto). — «... lacertoj kuretadis sur la *maroj* inter rozoj kaj hedero.»

*Tiuj lacertoj kuretadis certe tiel rapide, ke ili ne havis la tempon droni.*

FRANCA ESPERANTISTO (Marto). — En recenzo: «*Alkobo* anstataŭ *alkovo* estas *senbude* preseraro.»

*Fakto estas, ke, se la preseraroj havus budon, oni pli facile rimarkus ilin.*

LA KOSMO (Marto). — «KOLOMBO HAVIS LENTEGOJN. Laŭ lastatempe eltrovita libro, skribita dudek jarojn post lia morto, li estis «granda», «akraokula» kaj havis longan ruĝan vizaĝon.»

*Domaĝe, ke la libro ne klarigas, kiamaniere la «eltrovinto» de Ameriko kuiris siajn lentegojn!*

LA LERNANTO (Marto). — «Por kompreni la lastan aludon, oni memoru, ke Röm estis homoseksulo.»

*Evidente. Oni ja scias, ke Röm ne estis ĉevalo, sed homo, kaj ni tre dezirus vidi la fenomenan homon, kiu ne estus homoseksulo!*

HISPANA ESPERANTO-GAZETO (Aprilo). — «Tralegante la paĝojn, oni ne povas esti frapata de la evidenta bonanimeco de S-ro Rosenörn.»

*Alivorte, oni povas legi tiujn paĝojn sen risko, ĉar se la bonanimeco de S-ro Rosenörn kapablus frapi, ĝi ne plu estus bonanimeco.*

HEROLDO (14 Aprilo). — El anonco: «Heinrich Knöss deziras korespondi kun gesamideanoj, kiuj naskiĝis de la 19 febr. ĝis la 21 marto, de la 23 okt. ĝis la 21 nov., de la 21 aprilo ĝis la 23 majo...»

*Se vere ekzistas gesamideanoj, kiuj bezonis tiom da tempo por naskiĝi, ni tutkore kompatas iliajn malfeliĉajn patrinojn.*

# Kion aliaj pensas pri Esperanto

Post la sensacia artikolo, en kiu nia bona amiko Fechter komunikas al ni la aŭtoritatan opinion de fama seksologiisto pri Esperanto, mi decidis miaflanke intervjui kelkajn pli modestajn eminentulojn. Unue mi turnis min al homo, kies nomo estas tre konata en tuta Francujo. Li nomiĝas Dupont kaj posedas palacon vulgare nomatan Kafejo, kies ofta kliento kaj fidela ŝuldanto mi estas.

« Kion vi pensas, majstro, pri nia sankta idealo ? »

« Laŭ mia vidpunkto oni devas konsideri la etilecon ($CH^3$ $CH^2$ OH) de via entrepreno. Mia devizo estas : Diru al mi, kion li trinkas, kaj mi diros, kiu li estas. — Ĉu ekzistas bonhumoro sen likvoro kaj sukcesa afero sen biero ? Kaj dum viaj kongresoj vi devus abunde bonvinigi la ĉeestantaron. — Cetere, oni asertas, ke inter viaj samideanoj estas tre multaj el ebria deveno, pri kio mi gratulas vin. »

« Pardonu, » mi interrompis, « el hebrea deveno ! »

« Tiom pli malbone, » li daŭrigis, « sed ĉefafero estas kontentigi la soifon de l' homaro. Konsumo estas la resumo de ĉio. »

« Jes, efektive, konsumi oni devas. »

« Ne nur konsumi, sed ankaŭ pagi ! »

Rimarkinte, ke la dialogo prenas tiun inklinon mi profitis momentan malatenton de S-ro Dupont kaj forvaporiĝis. Kaj mi iris intervjui la blondan vendistinon ĉe la angula spicbutiko.

« Mi ne estas specialistino en lingvaj demandoj, » ŝi modeste konfesis, « kaj kvankam la nigraokula filo de l' najbara panisto tre logas min, mi ne rajtas diri, ke mi multon komprenas pri filologio. Sed mi aprobas Esperanton. En mia komerco la diverslingveco okazigas ofte grandajn malfacilaĵojn. Imagu, ke foje venis fremdlandano kaj mendis ion per unusilabaĵoj kaj gestoj, montrante florkampon kun zumantaj insektoj. Bone, mi pensis, li volas aĉeti florojn, kaj ĉar samtempe li faris la geston de homo, kiu lekas, mi konkludis, ke li volas aĉeti lekantojn kaj sendis lin al florvendejo. Sed la sinjoro denove ekgestis kaj provis rakonti tutajn ĉapitrojn el la Biblio ĝis li alvenis al la fratmurdisto Kaino. Nur tiam mi komprenis, ke temas pri... Abelo kaj ke la dezirata objekto estas mielo ! »

Tiu ĉarma vendistino estis tro babilema... Mi pretekstis rendevuon kun mia amikino Alice kaj forvaporiĝis.

Jam de dek minutoj Alice pacience atendis min.

« Kion vi pensas, karulino, pri nia sankta afero ? »

« Mia kara, kisu min en Esperanto ! Mi sentas, ke via lango, pardonu, ke via lingvo tre plaĉas al mi. Via idealo de universala amo entuziasmigas min. Mi aliĝas al via movado, sed por marŝi

antaŭen, necesas, karulo, ke vi aĉetu al mi novajn ŝuetojn, se eble similajn al tiuj, en kiuj Sala Fumal fanfaronis dum la lasta piratbalo. Kaj vivu la interna ideo kaj eterna idilio!»

Dirante tion Alice ridetis malice montrante siajn perlamotajn dentojn.

PIPERNOTER.

# Aliĝu,

## en via propra intereso, al la nova Asocio!

Sub la bonfama nomo *Prizorgo de l'Estonteco* ĵus fondiĝis nova sed utila Asocio, kiun ni rekomendas senhezite al ĉiuj familipatroj kaj ĝenerale al ĉiuj personoj, kiuj deziras konservi sin al la homaro. La celo de la nova sed utila Asocio estas pure filantropa kaj por klarigi ĝin pli detale, ni reproduktos senplue, anstataŭ longajn statutparagrafojn, kiujn tamen neniu legus, la Membrokarton, kiun la nova sed utila Asocio disdonas al siaj membroj.

**PRIZORGO DE L' ESTONTECO**

LEGITIMA KARTO

Ĉar mi faris hodiaŭ vespere tre seriozajn kontraŭsoifajn defendekzercojn, mi estos eterne danka al la persono, kiu trovos min, se ĝi bonvolos min liveri al la ĉi suba adreso:

Nomo (kun antaŭnomo): ....................

Strato: .................... N-ro ..........

etaĝo ..........

Urbo: ....................

*Dum la transporto oni evitu tro fortajn puŝojn.*
*La domŝlosilo troviĝas en mia maldekstra veŝtpoŝo.*

IMP. SOLSONA - PARIS

Jen, dank' al tiu Asocio estas fine forigita grava manko, kiun oni povis speciale konstati dum niaj kongresoj.

A. C.




*Tiun vesperon la pirato Raymond Laval plenbuŝe maĉis sian tabakon kaj parolis :*

# HISTORIE AŬTENTIKA

« En mia lando oni ĝisvivas multjarajn aĝojn », kaj, ĉar neniu manifestis ian scivolemon, li daŭrigis :

Iam reĝo Henriko IV-a promenis ĉirkaŭ mia naskiĝurbo Alès, apud vilaĝo Sankta-Privato-de l' Maljunuloj. Antaŭ kampardometo li trovis plorantan blankbarbulon.

« Nu », diris la reĝo, « respektinda bonulo, kio al vi okazis ? Kial vi ploras ? »

« Mia patro batis min, via moŝto. »

« Via patro ? — Kie estas via patro ? »

« Eniru, vi lin trovos en la silkraŭpejo. »

La reĝo eniras. Antaŭ bretoj, disetendanta morusfoliojn por la tie rampantaj raŭpoj, efektive staras seka, rektadorsa maljunulo.

« Saluton ! patreto ! Vi aspektas fortika. Kiomaĝa vi estas ? »

« Cent-kvindekjara, via moŝto, por vin servi. »

« Brave, sed diru al mi, kial vi batis vian filon ? »

« Tiun friponeton ! Li ja alparolis malrespekte sian avon ! »

« Sian avon ? Tondro dia ! Sed kie estas tiu fabelinda avo ? »

« Plaĉu al via moŝto suprengrimpi la ŝtuparon : tie supre li sidas, verŝajne manĝanta kaŝtanojn. »

Efektive, tie supre sidas vigla antikvulo, kaŝtanojn maĉanta kaj ilin glutglitigante per blanka ŝaŭmvino el Sankta-Johano-de l' Pino.

« Ho ! » ekkrias la reĝo, « bonan apetiton, Matusalemo ! Ĉu bongustas ? »

« Je via sano, via moŝto, kaj je via dispono. Sidiĝu kaj gustumu ! »

« Volonte, dankon ! — He, he, vera eliksiro... Sed diru, praavo, kiun aĝon vi havas ? »

« Cent naŭdek-kvin jarojn, kaj se via moŝto ne fidas min, iru demandi la pastron de Sankta-Privato, kiu min baptis ! »



Tiam ĥore raŭkis la ŝipanaro :

« Haltu ! Sufiĉe ! Ŝlosu cian faŭkon ! Ŝtopu cian mensogmuelilon ! — Jen, tiu ĉi sudlandano, post trinkado ne plu kapablas ĉesigi siajn fanfaronklaĉadojn ! Fermu ĝin, he mensogulo ! »

« Bone, » spite grumblis la rakontinto kaj emfaze :

« Preferinde nutri honestajn porkojn per aŭtentikaj perloj ol viajn porkajn cerbojn per tiaj perlaj aŭtentikaĵoj. » Kaj digne li silentis.

Tial, karaj gelegantoj, ankaŭ vi neniam konos la finon de tiu ĉi historie aŭtentika rakonto.

Raymond Laval.

# La Ĉapelo

(El la Fundamenta Krestomatio laŭ L. Uhland)

Supre staras sur la kapo
L' eleganta ĉapeleto,
En la hejmo, sub kanapo
Monon kaŝas la edzeto.

Promesado, monpetado
Nun eksonis flatparole,
Haltis edzo en ŝparado
Kaj aŭskultas malgraŭvole.

La ŝparadon ĉapeleto
Venke ĉiam kontraŭagos,
Ankaŭ vi, ho nov-edzeto,
La ĉapelon fine pagos.

Rosa Meier.




**Ankaŭ propagandmetodo.** — Oni klarigis al ni, kaj ni komprenis (helpe de adekvata desegno), ke en la Londona Klubo kunvenas multaj personoj, kiuj estas konsciaj par-duonoj. Kiam ili trovas la alian parduonon, ili fariĝas kompletaj paroj. Oni asertis al ni, ke multaj geedzoj interkonatiĝis unuafoje en la Londona Klubo kaj ke la estraro de l' Klubo tre favoras tiun movadon. Jen eleganta taktiko kaj saĝa propagando, kies ĉefa principo estas la konata aksiomo : « Oni devas semi hodiaŭ por rikolti... post kelka tempo » — aŭ « La estonteco apartenos al la morgaŭa generacio ».

**Jubileo.** — La 14-an de aprilo nia komforta « Heroldo » rememorigis al siaj afablaj abonantoj sian 15-jaran ekzistadon. Pro la nunaj cirkonstancoj ĝi ne povis pompe festi tiun daton, sed ĝi anoncas jam nun speciale ampleksan kaj valoran numeron okaze de la 20-jara jubileo. Kiel diras nia bona amiko Ferrari : « Morgaŭ mi razos senpage ».

**Intervjuo.** — Pariza ĵurnalo « Paris-Midi » sendis intervjuiston al nia bona amiko Archdeacon, por peti liajn impresojn pri la aviado, kies entuziasma kaj valora pioniro estis nia fame konata samideano. Sed de kiam la aviado eliris el la eksperimenta kampo kaj flugas per siaj propraj kruroj, S-ro Archdeacon dediĉis sian kunlaboron al alia problemo : Esperanto. Kaj dum tiu intervjuo li parolis pli pri Esperanto ol pri aviado. « Tio estas tre interesa », la ĵurnalisto ĝentile konfesis, « sed mi venis por paroli pri flugado ». — « Precipe tial mi parolas pri Esperanto », diris S-ro Archdeacon ; « per flugiloj de facila vento nun de loko flugu ĝi al loko ! » — La ĵurnalisto ne bone komprenis, sed la artikolo tamen aperis.

**Trafe.** — Dum tiu memorinda kunveno ĉe la Pariza Grupo, kiam post drama alparolo de S-ro Petit okazis preskaŭ-revolucio, unu el la ĉeestantoj, kiu tiun vesperon ne havis la okazon dormi pro la vigleco de l' agado, flustris ravite al sia najbaro : « Bone, bele, vere interese kaj amuze, estas preskaŭ kiel filmo...» — « Jes », respondis la najbaro, « kiel filmo el blua ĉielo ! »

**Neeviteble.** — Post tiu historia vespero oni multe diskutis pri la oportuneco aŭ neoportuneco de la interveno de S-ro Petit. Ĝenerale oni konkludis, ke

S-ro Petit, kiu ja ne estas membro de la grupo, estus devinta silenti, ĉar neniu petis lin paroli. Sed generalo Bastien tre ĝuste rimarkigis : « Ĉu oni petis lin aŭ ne, estas egale, li tamen parolis Petite. »

**Ŝipeto, ŝipeto...** — Grandan ĝuon havis la partoprenontoj al la Afrika krozado, kiam ili vidis la belan fotografaĵon de sia ŝipo « Leonardo da Vinci », kiun publikigis multaj gazetoj. Ili povis eĉ detale studi la planon de l' ŝipinterno, signi per kruceto la propran kajuton, kombini vizitojn al konatoj kaj nekonatoj. Jam ili sentis sin tute hejmece sur tiu ferdeko, kie enpense ili promenis sub stela ĉielo... Sed pli grandan antaŭĝuon havis kelkaj el niaj amikoj, kiuj vidis la belan ŝipon sur kinematografa ekrano... tamen la ĝuo ne daŭris. La ŝipo transportis strangajn varojn. Al Eritreo. Kaj venis la sciigo : « Leonardo da Vinci » pro kaŭzoj sendependaj de nia volo ne estos disponebla dum aŭgusto. Kompreneble.

**Translo̧ĝiĝo...** — La nova definitiva krozadŝipo nomiĝas Sinaja. Ĝi estas pli granda ol Leonardo kaj tial pli multekosta. Tio ne gravas, — sed gravas, ke ĝi havas nur malmultajn kajutojn dulitajn. Kaj ĉar estas neeble kontentigi ĉiujn privatajn dezirojn, ni ĉeestas nun korŝirajn scenojn. Junaj geedzoj, al kiuj oni tre delikate sciigis, ke ili ne povos havi la deziregatan dulitan kajuton, akre plendas, ke la organizantoj kanibale detruis ilian miellunon. Kaj tamen ili esperas, ke okazos miraklo. — Tio ja ne estus la unua fojo, ke miraklo fariĝas sur Sinaja. Sed tiam ĝi estis monto, ne ŝipo, kiel asertas la Biblio.

**Gimnastiko.** — Grandan avantaĝon prezentas la ŝipo Sinaja. Ĝi postulos de la loĝantoj iom da korpa gimnastiko, — ĉar la litoj ne estas, kiel sur Leonardo unuj apud la aliaj, sed unuj super la aliaj. Por ke ne estu ĵaluzuloj, por ke ĉiuj estu plene kontentaj, ĉiuj okupos laŭvice ankaŭ la suprajn etaĝojn : dum la parnombraj tagoj estos la sinjorinoj, dum la neparnombraj tagoj la sinjoroj. Jen bonega ekzercado. Ne tro malfacila, almenaŭ por tiuj, kiuj ne forgesis kunporti ŝtupetaron.

**Kaj konsekvenco.** — Konsekvenco de la ŝipŝanĝo estas, ke la L. K. K. ricevas nun ĉiutage trifoje pli da leteroj ol antaŭe. Por la organizantoj estas veraj krucvortenigmoj, kiam ili provas respondi favore al ĉiuj petoj kaj petetoj de postulema publiko.

**Infektiĝo.** — Nia bona amiko Ionesku-Kapatzana redaktas kun laŭdinda persisto ĉarman revuon « Vegetarano ». Ĝis nun lia stilo ne estis tro malbona, kelkfoje, jes, manifestiĝis iom da hezito, sed ĝenerale la lingvo estis sufiĉe klara. Bedaŭrinde nia amiko, antaŭ kelkaj monatoj, forlasis sian hejmlandon kaj ekloĝis en... Sisteron. — Jam ni havis la okazon diri kelkajn vortojn pri la Sisterona akuzativo, sed ankoraŭ ni ne sciis, ke ĝi estas infekta, danĝere infekta ! — Efektive, jen sekvas kelkaj specimen-

oj el « Vegetarano », de kiam ĝi aperas en Sisteron : « Kien vi troviĝas ? — ... kies landlimojn estas ĉirkaŭitaj ... kiom da sangon verŝitan ... la libereco dependas de la reformado de niajn kutimojn... » Originala stilo !

**Kaj originala vidpunkto.** — En tiu sama artikolo nia bona amiko Ionesku-Kapatzana pretendas i. a. : « Ne ekzistas libereco kaj se vi asertas male vi estas frenezulo aŭ idioto. » — Konsentite, sed 40 liniojn pli malsupre li diras : « La liberecon ni ne bezonas alporti de sur la planedo Marso, aŭ de sur la Luno. Ne ! La libereco troviĝas en ni mem. » — Ŝajnas, ke nun altrudiĝas nur unu konkludo : La liberecon portas en si nur frenezuloj aŭ idiotoj.

**Politiko.** — La reprezentantoj de Anglujo, Francujo, Italujo kunvenis en pentrinda kadro de l' Boromeaj Insuloj kaj havis intimajn kunsidojn sur la tute ĉarma insuleto Isola Bella, kiu estis jam antaŭe historie fama. Tiun diplomatan festenon sur Isola Bella Germanujo ne partoprenis, sed pri tiu neĉeesto ĝi facile konsoliĝis. Iom cinike iu germana ŝtatisto konkludis : « Por ili Isola Bella, por ni... bela izolo ! »

**Bela vojaĝo.** — La angla ministro Eden faris tra diversaj landoj de Eŭropo diplomatan vojaĝon, pri kiu li konservas plej agrablan rememoron. Ĉie, senescepte, li estis reĝe gastigita kaj nur malgraŭvole la diversaj landoj konsentis adiaŭi lin. Ŝajnas, ke ĉiuj deziris lin konservi. Kompreneble, sur nia mizera planedo oni havas tiel malofte la okazon vidi Eden'on !

☆

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al kelkaj germanaj amikoj, kiuj sendis al ni konsolajn vortojn post la granda malfeliĉo, kiu trafis nin per la eksiĝo de nia germana reprezentanto : Ni estas kortuŝitaj !

Al Pipernoter. — Pri la honorario ni konsentas, sed nur kondiĉe, ke vi ne alportos tro grandan soifon. Ĝi estu proporcia al via artikolo : Unu kafo kun kremo.

Al S-ro J. K. en W. — Letero transsendita. Adresŝanĝo notita. Piratajn salutojn.

Al Ilekso. — Dankon pro paskosalutoj. Firmpiede ni atendas la anoncitan predikon. Sed ĉu vi ne eraris ? Ĉu ne estas pediko, kiun vi intencas sendi al ni ? — Se tiel estas, ŝparu la sendkostojn, ĉar ni mem havas jam sufiĉe. Dankon.

Al S-ro J. C. en B. — Ni opinias, kiel vi, ke reliefo estas pli bone perceptebla per la fingroj ol per la okuloj, — sed ni pretendas, ke reliefo en kinematografejo ne estas absolute nova. Nova estas nur, ke nun, dank' al la lastaj inventoj de S-ro Lumière, la reliefo povos troviĝi ankaŭ sur la ekrano.

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIVe.* — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**